# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio

Aperanta de 1949

Numero 396

**Redakto-skipo**

Direktado kaj kompostado: Juanjo Vera

Revizio: Miguel Hernández. Jesus García Cano kaj Alejandro Pareja.

Retadreso de la bulteno: bulteno@esperanto.es



**Hispana Esperanto Federacio**
***Federación Española de Esperanto***

Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7
ES-28015 Madrid
admin@esperanto.es
Konto en BBVA: 0182-1252-31-0204011961

Tel (34) 914 468 079 (bv. lasu mesaĝon en la aŭtomata respondilo).
Poŝtelefono: 634 406 695 (nur lunde-vendrede inter 16:00 - 20:00).

Estraro:

| | |
|---|---|
| **Prezidanto:** | Jose Antonio del Barrio |
| **Vicprezidanto:** | Miguel Gutiérrez Adúriz |
| **Sekretario:** | Félix Manuel Jiménez |
| **Kasisto:** | Raúl Martínez Anguita |
| **Voĉdonanto:** | Eduardo Berdor |
| **Voĉdonanto:** | Juan Trenado Serrano |
| **Voĉdonanto:** | Miguel Hernández **(HEJS)** |

Presejo: Gráficas Aurora, Zaragoza

DL-Z-334-90

***FELIĈAN NOVAN JARON 2012!***

# Salutvorto

Jen mia vico por prezenti min. Ne plu komencanto kaj freŝnova HEFano, oni petis al mi, ke mi adresu al vi, gelegantoj de Boletín. Mi estas 30-jara instruisto de la franca lingvo el Zaragozo. Mia plej frua kontakto kun Esperanto okazis kiam mi iel hazarde trovis dulingvan vortareton en librovendejo en mia tiama urbeto. Sed la definitivan paŝon signifis doktoriĝa lernofako kiun mi sekvis en Soria. Kvankam lerni la lingvon ne estis deviga, tiu emo vekiĝis en mi... ĝis nun.

HEF festas la 125 jariĝon de nia lingvo. La kerno de tiu celebrado estos la HK en Almagro (Ciudad Real) dum la aprila-maja "feriponto". Mi kuraĝigas vin viziti tiun historian urbeton, kiu havas multajn vidindaĵojn.

Ni ankaŭ deziras fortigi la kontakton inter la HEFestraro kaj la lokaj asocioj, kaj inter la eble tro izolitaj kluboj tra la lando. Pli kaj pli da homoj ekscias pri Esperanto kaj niavice ni devas sciigi ilin, ke ĝi utilas, kaj ke ĝi pluvivas en la mensoj kaj koroj de ĝiaj subtenantoj.

Fine, mi deziras al vi bonan jaron 2012, plenan je sano, feliĉo kaj laboro.

**Eduardo Berdor**

**(Voĉdonanto)**

# E N K O N D U K O



✶ ***Partoprenu rete en la agado de HEF, kaj en la debatado pri ties estonto. Aliĝu al la reta forumo de la HEF-anaro:*** *http://es.groups.yahoo.com/group/hef-anaro*

✶ ***Ĉu vi volas sendi viajn artikolojn, fotojn, novaĵojn, ktp pri via esperanta asocio aŭ grupo? Vi povas sendi rekte al la retadreso de "Boletín". Por la venonta numero, la 397a, la limdato estas la 29a de februaro de 2012!*** ***Ni atendas viajn kunlaborojn!***

*Karaj gelegantoj:*

*Dum la lastaj monatoj mi ricevis diversajn protestojn pro tio ke iuj artikoloj kiujn kunlaborantoj sendis al mi, kiel redaktoro de "Boletín" por ilia publikado, ne aperis en la bulteno same kiel ili sendis al mi. Tio okazis post la kutima reviziado kiun faras la korektistoj de la bulteno.*

*Mi devas klarigi ke, ĝis nun, ĉiujn artikolojn kiuj estas senditaj al la bulteno, ĉiam mi resendas al la korektistoj por ke ili vidu ĉu ili enhavas iun gramatikan aŭ ortografian eraron. Tio okazas ekde kiam la nova skipo faras la bultenon, ĉar ŝajnas ke tiu ankaŭ estis la kutima labora formo antaŭe.*

*Do, unue mi pardonpetas se iu ĉagreniĝis ĉar kiam li aŭ ŝi legis sian artikolon en la bulteno ĝi ne estas ekzakte kiel la originalo. Mi komprenas ke estas lingvaj esprimoj aŭ simile pri kiuj la korektistoj povas pensi ke temas pri eraro kaj tiel ne estas, ĉar en tiu formo estas kiel la aŭtoro volas ke la artikolo aperu. Ĉi tio okazis kaj kompreneble, mi bedaŭras pro la afero. Pro tempopremo ne ĉiam eblas peti la opinion de la aŭtoro pri la korektoj sugestitaj de la reviziantoj.*

*Mi kredas ke la plej bona solvo por ke tio ne okazu denove estas ke, se iu volas ke lia artikolo ne estu sendita al la korektistoj, oni tiel faros, sed tiukaze aperos noteto apud la artikolo, atentigante pri tiu prefero, por ke legantoj sciu ke temas pri konscia decido de la aŭtoro, kaj ne neglekto de la skipo de la bulteno.*

*Ankaŭ mi profitas la okazon por doni dankon al la tuta skipo kiu faras la bultenon ĉar sen ilia helpo kaj laboro, ĉi tiu bulteno ne estus en viaj manoj.*

**La redaktoro**

# KUNMEMORADO DE LA 125 JAROJ DE ESPERANTO

Dum la jaro 2012 oni kunmemoras la 125-an datrevenon de la publikigo de la Unua Libro en kiu Doktoro Zamenhof prezentis al la mondo sian proponon de Lingvo Internacia. Tiu ĉi estas bonega okazo por festi ene de la esperantista komunumo, sed ĉefe por informi al la ĝenerala publiko pri la vivanteco kaj nuna stato de nia lingvo.

En la kunveno de la estraro de HEF ni decidis proponi al la anaro projekton por profiti tiun kunmemoron por impulsi la eksteran informadon, en maniero intensa kaj kunordigita. Diversaj ideoj estis jam aprobitaj, kaj aliajn ni studas, por taksi la fortojn je kiuj disponas por ilin antaŭenigi. La projekto estos kunordigita kun la samcela klopodo kiu nun organiziĝas sub la ombrelo de Universala Esperanto-Asocio, en kiu kreiĝis internacia grupo por kunordigi diversajn internaciajn agadojn rilatajn al tiu kunmemoro.

1. Por komenci, ni kreos kampanjojn por festi la datrevenon interne de nia asocio kaj nia komunumo mem. Speciala parto de la retejo, kaj rubriko en Boletín pritraktos niajn agadojn kaj tiujn organizatajn de aliaj esperantaj grupoj. Ni deziras instigi la grupojn mem programi proprajn aktivadojn (prelegojn, ktp), kaj dediĉi parton de siaj internaj kunvenoj al tiu festado. La bildo kiu akompanas tiun ĉi artikolon, kreitan en tiu internacia grupo, povas esti la komuna simbolo kiu unuigas ĉiujn ĉi klopodojn. Same, la moto kiun ni proponis "Esperanto: 125 años derribando fronteras / 125 jarojn faliganta limojn", povas taŭgi kiel unuiga devizo.

2. Ni ankaŭ planas lanĉi diversajn gazetarajn kampanjojn laŭlonge de la jaro, ĉefe ĉirkaŭ interesaj tagoj, sed en ĉiu kazo mencionante la datrevenon kaj la diversajn agadojn organizitajn. Tiu kontakto kun amaskomunikiloj, inkludante tie ĉi la novtipajn retajn rimedojn, estas afero kiun ni devas nepre firmigi, en pli serioza kaj daŭra maniero, kaj ni deziras profiti tiun ĉi okazon por krei strukturon pli firman kaj laŭeble profesiecan.

3. Por tiu ekstera kontakto ni bezonas ankaŭ krei eventojn kiuj povas altiri la publikon. Ni volas repreni kaj intensigi agadon kiu montriĝis tre altira en la lokoj kie ĝis nun okazis: la ekspozicion de materialo pri Esperanto. Ni deziras inviti la lokajn grupojn kaj la izolitajn individuojn kontakti kulturejojn, universitatojn, asociojn, ktp. por inviti ilin munti ekspozicion pri nia lingvo. Ni disponas je tre altiraj paneloj, kaj ankaŭ, laŭnecese, kun aliaj materialoj, kiuj jam evidentiĝis bonaj rimedoj por altiri eksteran atenton. HEF pretas helpi en la disponigo de la materialo, en la organizado kaj laŭeble en la diskonigado, sed ni bezonas la lokan ĉeeston por la ĉefa organizado.

4. Se eble, la ekspozicio estu akompanata de informado al komunikiloj, de gazetarkampanjo aŭ de publika parolado, laŭ la eblecoj de la lokaj aktivuloj. Por tio estos disponebla diversa informa materialo, kiun

HEF kompilas, kaj kiun surlokuloj povos laŭplaĉe utiligi.

5. Ni deziras kontakti kun oficialaj instancoj, por proponi diversajn tipojn de kunlaboro. Ni konscias en tiuj ĉi malfacilaj momentoj, la serĉado de subvencioj estos malfacila, sed ĝi ne estas neebla, kaj krome, ekzistas aliaj formoj de subteno, kiun ni volas image esplori: eldonoj, disvastigo, ktp. Simplaj omaĝoj kiel dediĉi loteribileton aŭ kuponon al Esperanto, aperigi nian lingvon en oficiala evento aŭ retejo, ktp jam povas esti interesa atingo en si mem. Se vi aŭ via grupo havas rilaton al tiuj instancoj, ne hezitu utiligi la nomon de HEF, aŭ peti al la estraro ke la kontakto estu pli formala.

ESPERANTO 125 1887-2012

6. La ĉeftemo de la 71a Hispana Kongreso de Esperanto temos specife pri la 125a datreveno, kaj ni profitos tiun cirkonstancon por krei la akson de la formalaj programeroj. Ankaŭ aliaj esperantaj renkontiĝoj devus simile agi.

7. Ni ŝatus organizi altnivelan konferencon pri Esperanto, okaze de la datreveno de la lingvo, ĉu ni solaj, ĉu en kunlaboro kun oficialaj organoj aŭ edukaj instancoj. La detaloj estas prilaborendaj, sed ni ŝatus kunlabori kun la samideanoj havantaj ion dirindan pri la kulturo kaj historio de nia lingvo, kaj ankaŭ kun ne parolantoj de nia lingvo kiu dediĉis sin al koneksaj temoj, kaj kies rigoro povas alporti ion interesan por nia komunumo. La okazigo de tia evento dependas ankaŭ de organizaj kaj financaj kondiĉoj, sed ni lanĉas nun la ideon por alvoki eblajn kunlaborantojn sinanonci.

8. Simile, oni bezonas koni la homfortojn je kiuj ni disponas por entrepreni aliajn agadojn kun publika fokuso kiuj estis sugestitaj: lingvofestivalojn, partoprenon en librofoiroj, budojn en kongresoj aŭ eventoj, donacadon de libroj al bibliotekoj aŭ kulturaj centroj, ktp. Anoncu vin se vi havas bonan ideon, aŭ se vi konsideras ke vi povas kunlabori por la disvolviĝo de tiaj aŭ similaj aktivadoj.

9. Eble la ŝajne simpla, sed la plej grava aktivado kiun oni povos organizi dum la jaro estas la kreado de novaj esperantistoj, t.e. la intensigo de la instruado de Esperanto. La Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) proponis specifan projekton 'Esperanto125', kies celo estas organizi en 2012 en komunaj datoj tra multaj landoj serion da diversspecaj kursoj de Esperanto. Laŭ la propono, la kursofino estu la 26a de

julio, tio estas, la dato en kiu oni kunmemoras ĝuste la 125an datrevenon de la lanĉo de la Unua Libro. La kurskomenco ĉiulande estu la 23a de marto, kiu estas la printempa ekvinoksa tago, ĝuste 125 tagojn antaŭ la kursfino. La kursoformo estu plejparte sed ne ekskluzive reta, laŭeble kun unu aŭ pliaj fizikaj renkontiĝebloj por kursanoj (ekzemple en majo), kaj ekzamenoj estu proponataj kursofine (en la tiam okazanta UK, kaj aliloke). Kompreneble, aliaj kursoj en aliaj formoj estas tute subtenindaj, sed komuna ombrelo povas taŭgi kiel instigo al pli amasa kunvoko. Tiu ĉi krome povas esti la okazo revivigi la hispanan sekcion de ILEI, kiu ne sukcesis adekvate firmiĝi en la lastaj tempoj.

10. Depende de la financaj kondiĉoj, ni esploras la eblecon eldoni novan libron pri Esperanto en la hispana, por la ĝenerala publiko. Propono alvenis eldoni la tradukon de "La strato Zamenhof", kies versio jam ekzistas en aliaj lingvoj. Ankaŭ reta eldonado estas konsiderinda. Sed ĉiukaze la definitiva decido dependos ankaŭ de ĉies sugestoj kaj kunlaboremo.

Kiel ni menciis, la listo estas ankoraŭ malferma. Ĝi multe dependos de la materiaj rimadoj kaj de la kunlaborantoj pretaj partopreni. Anoncu vian kunlaboremon, aŭ sendu viajn ideojn al HEF, en la kutimaj adresoj. Ankaŭ aliaj manieroj de subteno, kiel financa apogo aŭ disvastiga agado, estos bonvenaj. Sed ĉiukaze ni esperas ke ni kapablos profiti la okazon de tiu ĉi datreveno por antaŭenigi nian lingvon, kaj digne festi ĝian datrevenon.

**La estraro**

## ESTAS TEMPO REKOTIZI

Komenciĝas la jaro 2012, la jaro de la jubileo de Esperanto, kaj alvenas la momento renovigi vian aniĝon en HEF. Ne forgesu rekotizi. Ĝi estas pruvo de la konservado de engaĝiĝo kun la asocio, kaj de fido al ĝia estonto, kaj el tiu de Esperanto. Kotizoj kaj kondiĉoj aperas en aparta paĝo. Ili ne ŝanĝiĝis dum lasta jaro.

Sed samtempe pensu en la ebleco plifortigi la engaĝiĝon kun HEF en aliaj manieroj. Donacoj kaj ekonomiaj helpoj estas kompreneble bonvenaj, des pli se ni volas pliaktivigi la asocion. Sed konsideru ankaŭ aliajn eblecojn. Se via tempo kaj fortoj tion ebligas, pripensu kunlabori en la aktivaĵoj de la asocio. Partoprenu en ties forumoj. Memoru ke ekzistas reta forumo por membroj de la asocio, al kiu oni povas aliĝi per la retadreso http://groups.yahoo.com/group/hef-anaro/, en kiu oni povas informiĝi pri la asocio, kaj diskuti pri ĝia agado kaj estonto. Alia retforumo provas kunigi aktivulojn en la adreso http://groups.yahoo.com/group/hefaktivado/. Se vi utiligas sociajn retojn, niaj lokoj en Facebook, Tuenti, Twitter aŭ Google+ iom post iom fariĝas taŭgaj renkontiĝejoj, kaj ankaŭ fenestroj al la ekstera mondo.

Ni ankaŭ deziras kuraĝigi vin varbi por la asocio. Multaj esperantistoj kaj simpatiantoj hezitas aniĝi en sociaj grupoj en la tradicia maniero, aŭ simple eĉ ne konsideris tiun eblecon, en tiu ĉi socio en kiu iamaniere ŝanĝiĝas la interrilatigo kaj la kunlaborado. Sed asocioj kiel HEF plu konservas multajn avantaĝojn por ambaŭ celoj. Invitu viajn kolegojn membri en la Federacio. Ili tre certe trovos akcepteman kaj bonvenantan amikaron.

**La estraro**

# NOTOJ PRI LA 70a HEF-KONGRESO

*(Tria parto)*

*(Kiel ni informis en la antaŭa numero, jen ni publikigas la trian parton de la eseo Notoj pri la 70a HEF-Kongreso, aŭtorita de Miguel Fernández. La kvaran, kaj lastan, parton ni aperigos venontnumere. La partojn unuan kaj duan ni aperigis respektive en la numeroj 394 kaj 395 de Boletín.)*

En tiel gaja ĝenerala humoro, ekis la sekva programero: publika deklamado de poemoj fare de la homoj, kiuj prie atelieris.

Kiel mia animo papiliis! Kiom da surprizoj kor-karesaj! Lipoj kutime emaj al streĉiĝo, al apenaŭa moviĝo dumparola, tiam lozis, suplis, rondigis la vokalojn, karesis ĉiun vorton; atelierano kutime ema al bombasta intonacio tiam fajlis ajnan impulson grand-efektan, bridis ajnan inklinon al patoso, naturis; la juna Jorge Pavón, kiu, supozeble, debutis kiel E-deklamanto, brave elturniĝis el ĉiuj fonetikaj rifoj prezentataj de la lirika prozaĵo *Platero*[1], de la hispana Nobelpremiito Juan Ramón Jiménez... Kaj el ĉiuj ateliere prezentitaj aŭ prilaboritaj ebloj, la deklamantoj elektis mem la plej taŭgajn.

Oni deklamis miaplume esperantigitajn poemojn, krom de la ĵus menciita Juan Ramón Jiménez, de la same hispanaj poetoj Francisco Villaespesa, Vicente Aleixandre, Rafael Alberti kaj León Felipe (pri la superba *Kiel vi*, de ĉi lasta, finfine mi, anstataŭ la velurvoĉa Ana Manero, okupiĝis). Oni deklamis la dediegan elhispanigon de la renoma *Volverán las oscuras golondrinas*, t.e. *Venos re la hirundoj obskurplumaj*, de la sevila romantikulo Gustavo Adolfo Bécquer. Fine, Georgo Handzlik deklamis la ĉiusence originalan poemon *farso*[2], de la portugala E-poeto Gonçalo Neves, kies versoj impresas jene:

*liberaj šultroj    dekolto sinka*
*stringo zona    jupo kuspa*
*kalkanaj pingloj*
*parado tanga    magnete kapturna*
*trapavo salona    kaĵola flustro    koketa rido*
*kruckrura sidpozo    streĉe koltorda*
*atutoj virinaj?*
*municio virsorĉa?*

*brave kaj rave!*
*bise kaj ree!*

*ĉiam pli sinke!*
*ĉiam pli stringe!*
*ĉiam pli kuspe!*
*ĉiam pli tange!*
*ĉiam pli kruce!*

*sed vi*
*jes, vi! (distron ne ŝajnigu!)*
*vi*

[1] Temas pri la unua prozpoemo de *Platero kaj mi. Andaluza elegio*, de Juan Ramón Jiménez, en traduko de Liven Dek, kolekto Hispana Literaturo, eld. Andaluza Esperanto-Unuiĝo, Málaga, 2009, 200 p.

[2] El la kontribuaĵo de Gonçalo Neves ĉe la kvaropa poemaro *Ibere libere* (la aliaj tri aŭtoroj estas Liven Dek, Jorge Camacho kaj Miguel Fernández), Pro Esperanto, Vieno, 1993, 136 p.

*kial?*

*kial vi sinkas-stringas-kuspas-tangas-krucas?*

*se platas ŝvelo brusta*
*se kolonas konturo lumba*
*se ebenas reliefo puga*
*se fadenas silueto krura*

*kial do, paŭso tabula?*

*elreviĝu!*
*la publiko volas farĉon*
*ne farson*

*do ne sinku*
*do ne stringu*
*do ne kuspu*
*do ne tangu*
*do ne krucu*

*alprenu sarion!*

Ial, konscie, Handzlik formanĝis la esprimon *do ne* de ĉiuj kvar versoj antaŭ la fina. Aliflanke, lia intonacio, liaj gestoj, liaj paŭzoj spegulis la apartecon de la poemo, ties propran profund-impresan lirikan tension...

Kiam, kadre de la ateliero, mi taskis al Handzlik deklamadon de ĉi gemo de la E-poezio, li konfesis sin ŝokita de la Neves'a lingvo-uzo: *dekolto sinka, jupo kuspa, trapavo salona*!!! Nun mi pensas, ke tio prezentis al li bonan ŝancon eniĝi en alitipan lirikon, mi lasas min dorloti de la ideo, ke, eble dank' al tio, nun li ŝatas la Neves'an poetikon, kapablas sin delekti per poezio varpita per fajno kaj markita per aŭdaca ekspluatado de multaj el la lingvaj ercoj de esperanto.

Malmankis tempo. Jes. Ankaŭ tia neeblaĵo eblas, ĉefe se oni penas por ke ĝi okazu. Liven Dek kaj mi do fine povis efektivigi la ĝis tiam prokrastitan prezenton de eldonotaj libroj.

Liven sciigis, ke *Ombroj sur verda pejzaĝo*, aro da rakontoj de la kantabra[3] verkisto Manuel Llano, esperantigitaj de Fernando de Diego kaj de li mem, troviĝas nun en presejo. Ĝi konsistigos la numeron 10 de la kolekto *Hispana literaturo*. Sed ne nur. Lastatempe Liven pretigas la duan eldonon de sia E-kurso *Esperanto, curso del idioma internacional* kaj la trian eldonon de sia vortaro (hispana-esperanta kaj esperanta-hispana) *Amika*.

**"...lia intonacio, liaj gestoj, liaj paŭzoj spegulis la apartecon de la poemo..."**

Miaflanke, nur projekto. Ĝin jam mi diskonigis sur la paĝoj de la gazeto Beletra Almanako[4]; miaj kolegoj de la *Ibera Grupo* scias prie, sed neniam antaŭe mi parolis pri ĝi al la ĝenerala publiko.

En la printempo de 2010 mi komencis pretigi la aferon: ampleksan poezian antologion de la *Generacio de 1927* aŭ *Generacio de la Respubliko*. Tiu neripetebla plejado da poetoj, ilia revolucia kreivo, la rare rafinita elpurigo, al kiu ili submetis siajn produktojn, la altega flugo de

[3] *kantabra*: rilata al antikva gento loĝinta ĉe la nordo de Iberio kaj al nuntempa regiono ĉe la nordo de Hispanio (Kantabrio), kies ĉefurbo estas Santander.

[4] *Beletra Almanako*, n-ro 10 (Februaro 2011) – 5a jaro, p. 90-95.

iliaj poeziaj universoj, la fola entuziasmo, per kiu tiuj bardoj priversis la kolektivan antaŭsenton, ke io ŝanĝiĝos, ke ĉio ŝanĝiĝos, ke ia nova mondo tuŝeblas per la pinto de la fingroj... la homaj kaj artaj kvalitoj de tiuj kreintoj murditaj, ekzilitaj aŭ neniigitaj kadre de la faŝisma puĉo, kiu forblovis la t.n. *Arĝentan Epokon de la Hispana Kulturo*... ĉio ĉi pasiigis min de ĉiam.

Entrepreni kompilon, transponon kaj komenton de tia poezia kosmo mi taksis vera frenezaĵo. Unue, tian plejadon fakte konsistigas multe pli –minimume dudeko pli– da poetoj ol la dekopo ordinare konata kiel *Generacio de 1927* (nome Pedro Salinas, Jorge Guillén, Gerardo Diego, Federico García Lorca, Vicente Aleixandre, Dámaso Alonso, Emilio Prados, Rafael Alberti, Luis Cernuda kaj Manuel Altolaguirre). Due, tiuj plejaj avangardistoj tute ne ikonoklastis kontraŭ la pasinton, sed ĝin aliris kaj rekreis. Ili trinkis eĉ el plej praaj fontoj. Eĉ el tiuj proksimaj al la naskiĝo de la kastilia lingvo. Do por ĝuste enkuntekstigi iliajn poetikojn necesas traduki kaj prezenti ankaŭ tradici-tipan poezion kaj la lirikajn mondojn de grandaj majstroj en la historio de la hispana literaturo, sur kiuj baziĝis la dudeksepaanoj.

***"...ilia revolucia kreivo, la rare rafinita elpurigo, al kiu ili submetis siajn produktojn, la altega flugo de iliaj poeziaj universoj, la fola entuziasmo, per kiu tiuj bardoj priversis la kolektivan antaŭsenton, ke io ŝanĝiĝos, ke ĉio ŝanĝiĝos, ke ia nova mondo tuŝeblas per la pinto de la fingroj..."***

Kiel mi ĵus diris, vera frenezaĵo. Sed fine pezis pli mia pasio ol la granda enverguro de la laboro. Nun mi havas preta la tutan versan parton de la projekto: 902 poemojn (el kiuj 60 en traduko de Fernando de Diego), el 57 poetoj. Kaj mi komencis surpaperigi la prozajn konsisterojn: historiajn kadrojn, studojn de la diversaj poetikoj... Miasupoze, restas do pli ol unu jaro, ĝis mi atingos la finon.

Multaj el miaj amikoj eksteraj al esperanto insistas, ke mi nepre publikigu tian laboron ankaŭ en la hispana, ĉar, kvankam en ĉi lingvo abundas analizoj, doktoraj disertacioj, kompiloj kaj antologioj pri la dekopo –almenaŭ pri Lorca, Aleixandre, Alberti kaj Cernuda–, senteblas la manko de tekstoj –nur disce mise troveblaj– de kaj pri la pli ol dudek ceteraj dudeksepaanoj. Kaj tute ne ekzistas antologio kun pritrakto de la tridekkelkopo kaj de ties fontoj kaj fontuloj. Nu, mi unue finu mian laboron en esperanto: mian revon. Poste ni klopodu akiri la rimedojn por publikigi ĝin kadre de la kolekto *Hispana Literaturo*. Nur post ol tio realiĝos, mi esplorus la eblon aperigi ĝin en la hispana, kun la sciigo, ke temas pri versio de verko originale konceptita en la internacia lingvo esperanto. Sed ni ne tro revu. Kiu vivos, tiu vidos.

Sekvis koncerto de Georgo Handzlik. Dum li pretigis la scenejon, la sonsistemon kaj mi ne scias kiom da akcesoraj rekvizitoj, mi babilis kun grupo da muzikemuloj. Nerimarkate, unu el ili, Eduardo Berdor, juna e-isto el Zaragozo, malaperis. Belaj akordoj de ŝopena muzikpeco –eble iu nokturno, mi ne memoras– altiris mian atenton. Kiu povus ne lasi sin kapti de tioma belo? Sursceneje, Eduardo sidis ĉe vosto-piano. Do temis pri li!

Tuj kiam li vidis, ke mi turnas al li mian rigardon, li kapjesis kaj komencis elsorĉi la melodion de la *Hispana danco, n-ro 5 (Andaluza)*, de Granados[5].

Subite, ĉio svenis. Ĉio transiĝis en alitempan mondon de littukoj aromaj, neĝe blankaj surŝnure etenditaj, lekataj de la suno. De lignaj koridoroj, de lulseĝoj, ventumiloj kaj magia somnolo en la ŝajne senfinaj someroj de Granado. De grimpadoj sur arbojn kaj sur murojn kovritajn per kaprifolio aŭ hedero. De surstrataj prikrioj – ĉiam belaj, ofte filigranaj, nekredeblaj kaj de melankoliaj koploj (kiom da koroj rompis tiu biere blonda maristo, kiu, kun la brusto tatuita per la nomo de la amatino, serĉadis ŝin haveno-post-havene?). De radio-melodramoj el mielo kaj larmoj. De figoj kun la gusto je ŝaŭmo de nektaro. De fontanoj kun ŝprucoj el perloj kaj murmuroj pri legendoj maŭr-epokaj... Kaj de raviĝo sub la balkono de... tiu stranga virino... ĉe ŝia pianado. La buboj tie sidis kvazaŭ envultitaj, perceptis, ke ili troviĝas antaŭ realo scintila, flugilhava, ĉielen forprena, lumoplena kaj tute diferenca disde la ĉiutagaj sensacoj. Tra ŝia duonfermita balkono videblis nur busto sur tablo. Iu asertis, ke temas pri la busto de ŝia mortinta filo, al kiu ŝi dediĉis la pianatan muzikon...

Ne tielis. Plurajn jarojn poste, mia fortuno permesis al mi enveni tiudomen kaj konatiĝi kun ŝi kaj kun ŝia universo. Ŝi neniam patrinis, ĉiam senedzis, ĉiam aspektis kiel virino, kiu ial ne efektivigis la definitivan aman rendevuon, aŭ kiu vane atendis la venon de l' partnero ĉe la rendevuejo. Ŝia vivo ŝvebis de la piano al la floroj ĉe la korto, kaj, revante, ŝi sin lasis ĉirkaŭvolvi de la plej altaj lumoj. La busto sur la tablo estis de Betoveno. Ŝi ploris, ŝiaj belaj –kisindaj– lazuraj okuloj nebuliĝis per larmoj ĉe ŝia instruo pri la fakto, ke la plej granda el ĉiuj majstroj jam surdis, kiam li verkis la plej sublimajn el siaj komponaĵoj. Kaj de tiam, por mi, Betoveno egalas la muzikon. Kaj ĉiufoje, kiam ŝi, kadre de miaj kanto-recitaloj en Granado, akompanis min piane, mi rigardis al ŝi en la pupilojn kaj min delektis vidante en ili, provante komuniki, tian mondon de littukoj, de lignaj koridoroj, de lulseĝoj, ventumiloj kaj magia somnolo... ... ... Kie nun ŝi?

Ŝi estis Carmen Rus, pianistino de Granado.

Kiam Eduardo ĉesis piani, mi turnis min al li kaj, emociita, lin brakumis. La zaragozano, sincere modesta, kiel ĉiu vera artisto, ne povis vidi ian meriton en sia ludado: "Estis tre simpla afero; cetere, mi sciis, ke Granados plezurigos vin". Tre simpla afero, kiu revivigis tutan mondon! Kia fiero havi tiajn plurtalentajn junulojn kiel kompanojn! Dankon, Eduardo. Bele, se iam mi povos reciproki vian eksterordinaran donacon.

Georgo Handzlik ekkoncertis[6]. Oni lin nomas la bardo sen barbo. Prave.

[5] "**Pantaleón Enrique Joaquín Granados** y Campiña, pli konata kiel Enrique Granados (1867-1916), estis hispana komponisto kaj pianisto. Li renomas pro sia piana verkaro, ĉefe pro la suito *Goyescas* [Goya'eskaĵoj, serio da muzikpecoj, kiuj reproduktas la atmosferon ĉe admirataj pentraĵoj de la fama hispana pentristo Francisco de Goya], sur kiu li bazis sian samnoman operon. Li kreis la barcelonan piano-skolon, kiu produktis elstarajn figurojn kiel Frank Marshall kaj Alicia de Larrocha. Oni lin rigardas proksima al la novromantikismo pro stila ligiteco al la pianmuziko de Chopin, Schubert, Schumann kaj Edvard Grieg. Li mortis en Maniko, ĉe pereo de la ŝipo *Sussex*, torpedita de la germana mar-armeo, en la Unua Mond-Milito". (El *Wikipedia* en traduko de Miguel Fernández).

[6] Liaj ticaj prezentadoj de la kantoj *Dek klubanoj* kaj *Foka familio* spekteblas, respektive, ĉe www.youtube.com/watch?v=mc5KUTMcqMs kaj ĉe www.youtube.com/watch?v=pfsI37BajMI&feature=related

Handzlik ne estas kantisto, sed poeto, kiu kantas, nuntempa trobadoro –fakte la formon trubaduro mi pli ŝatas–, ia esperanta Brassens kun Schwartz'a-speca spico. Liaj melodioj sonis agrablaj, simplaj, orel-flataj, facile enkapigeblaj, samkiel liaj tekstoj, jen spritaj, jen pipraj, jen similstilaj kiel la komune uzataj ĉe bub- kaj ekskurso-kantoj...

***"Ricardo ĉiam alportas al mi aeron el la alia Andaluzio, la sobra, la lucida, la inĝenia Andaluzio de Seneko, la Andaluzio, kiu, finnece, parolas nur, kiam ĝi havas ion por diri."***

Nia pola trubaduro bele gitaris kaj kelkfoje kantis mistone, kio, cetere, kvankam grava ĉe opero, absolute ne ĝenas ĉi-terene. Ankaŭ Bob Dylan mistonis kaj mistonas. La granda Pavarotti, kiu kutime kantis kun perfekta agordiĝo, sendube fuŝintus la kanzonojn de Handzlik. Temas pri du aferoj diferencaj.

Nia bardo sen barbo, per sia partopren-invita prezentado, sciis amuzi, ĉarmi la publikon.

Sekvis oficiala komuna manĝo en la restoracio kun la *najlo en mia ĉerko*[7], sed en bone klimatizita ĉambro. Bonŝance, mi kundividis tablon kun i.a. mia amiko Ricardo[8]. Finfine, li povis dediĉi la tutan sabaton, nur tiun tagon, al kongresumado. Ricardo ĉiam alportas al mi aeron el la alia Andaluzio, la sobra, la lucida, la inĝenia Andaluzio de Seneko, la Andaluzio, kiu, finnece, parolas nur, kiam ĝi havas ion por diri. Li estas saĝa, dokta, sendube la plej dokta el miaj geamikoj. Ial mi imagas lin benediktano en fora monaĥejo ĉe Alpoj, profesoro pri filozofio ĉe Sorbono aŭ ambasadoro de Britio en Singapuro.

Ni elvokis la iamon. Sen nostalgio. Gustumis, krom la pladoj, humurajn scenojn kaj momentojn el la hieraŭo kaj ridis plengorĝe. Ĉu koncepteblas pli bona manĝo?

Je la 16a, *peĉakuĉo*, serio da mikroprelegoj –ordinare pri refreŝigaj temoj kaj ĉiam kun samtempa projekciado de lumbildoj– en la daŭro de po ses minutoj kaj kvardek sekundoj.

Peĉakuĉis sinsekve kaj senhalte Toño del Barrio, Jorge Camacho, Manuel Pancorbo, Ana Manero, Jorge Pavón, Robert Bogenschneider kaj Alejandro Pareja, respektive, pri la temoj *Labori en atomcentralo kaj povi tion rakonti, Kiel verki poemon, La fia numero kaj la verda stelo, Penik-tuŝoj, Linukso kaj Ubuntu, Bonvenon en Pori kaj Urbaj legendoj*.

Principe, la ideo bonas. Ĉefe por timiduloj, kiuj alie neniam kuraĝus paroli publike. Sed, kiel ĉio en la vivo, peĉakuĉo havas siajn postulojn: la sagacon trafe elekti amuzajn temojn kaj bildojn kaj la lerton prezenti ilin flue kaj gracie. Ne ĉiuj niaj peĉakuĉanoj egale sukcesis. Kelkajn ni vidis parole fulmo-rapidi por alveni al la fino ĝustatempe. Del Barrio kaj Pancorbo evidentiĝis majstroj en tia nova arto.

(*daŭrigota*)

**Miguel Fernández**

[7] Temas pri ŝerca aludo al paneinta aer-klimatizilo, kiel oni vidis en la partoj unua kaj dua de ĉi eseo, publikigitaj, respektive, en la numeroj 394 kaj 395 de *Boletín*.

[8] Temas pri la E-verkisto Ricardo Felipe Albert Reyna, kutima kunlaboranto ĉe la gazeto *Beletra Almanako*.

# FUNDACIÓN ESPERANTO

## INFORMADO PRI 2011

Dum 2011, "Fundación Esperanto" daŭrigis la projekton "Esperanto en Iberameriko" per la sendado de libroj cele al disvastigado de Esperanto. Tiu projekto estis starigita por apogi la agadon en iberamerikaj landoj, ĉefe pensante en la grupoj kun malpli da rimedoj kaj ebloj. Ni volas esprimi nian dankon al kunlaborantoj kaj ties dediĉo de tempo kaj mono. Bedaŭrinde ni ne trovis tro da petoj el amerikaj E-grupoj. Dum la venonta jaro ni intencos pludaŭrigi la agadon.

Pri konkretaj petoj por helpo ni ricevis du. Jen la decidoj faritaj tiusence:




-Al Grupo Esperantista de Bilbao: 800 € pro instalo de lifto en la domo de la sidejo.
-Al E-Asocio en Aragono "Frateco": 500 € pro instalo de nova pordo en la sidejo.

Krome, kiel kutime, en nia sidejo estis organizitaj E-kursoj por komencantoj.

## PROJEKTOJ POR 2012

Laŭ la planoj prezentitaj al Registaro, jen la projektoj por 2012:

1. Kursoj de Esperanto
En la zaragoza sidejo de "Fundación Esperanto" eblos lerni Esperanton. La kursoj estos malfermataj al iu ajn interesato. La lernantoj povos aliĝi tute senpage. La lecionoj estos gvidataj de instruantoj ne ricevontaj monon.

2. Esperanto en Iberameriko
"Fundación" daŭrigos la helpon al disvastigo de Esperanto en iberamerikaj landoj. Tiusence, "Fundación" apogos la sendadon de libroj (ĉefe vortaroj kaj lernolibroj) al E-asocioj aŭ grupoj en Iberameriko.

3. Aliaj helpoj por instruado kaj disvastigado de Esperanto "Fundación" helpos diversajn aktivaĵojn por Esperanto. Ekz.: organizado de E-kursoj, eldono de libroj en aŭ pri Esperanto, realigo de E-eventoj... Ĉi-rilate "Fundación" akceptos aliajn sugestojn aŭ proponojn. La petoj devos esti ricevitaj antaŭ ol la 30a de novembro de 2012.

La tuta kvanto disponebla por subvencioj estas 1.300 €.

Krome, indas mencii, ke "Fundación Esperanto" kontaktis kun ŝparkaso CAN (Caja Navarra) cele al ricevo de ioma ekonomia helpo. Okazas ke en ĉi tiu ŝparkaso la klientoj havas la (laŭdindan) rajton povi elekti la sociajn projektojn al kiuj ŝparkaso dediĉu parton el la profito. La ŝparkaso akceptis la projekton "Kursoj de Esperanto" kiel unu el tiuj elekteblaj. Tiel la klientoj povos elekti la projekton nº 22001 "Cursos de Esperanto", de "Fundación Esperanto". Poste "Fundación Esperanto" devos prezenti fakturojn kiel pravigilojn de la monhelpo eventuale ricevita.

**Manuel Pancorbo**

# HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO 2012

Esperantista Kastili-Manĉa Asocio, en kunlaboro kun Hispana Esperanto-Federacio, invitas vin partopreni en la 71a Hispana Kongreso de Esperanto, kiu okazos de la 27a de aprilo ĝis la 1a de majo 2012 en la urbo Almagro (Ciudad Real), Hispanio.

**LA SIDEJO**

La ĉefa sidejo de la kongreso estos la Palaco de la Grafo de Valdeparaíso, konstruaĵo el la 18a jarcento, nuntempe kulturejo de la provinca deputitejo de Ciudad Real. La kongresejo disponas pri ĉiuj necesaĵoj por la okazigo de la kongreso: salonoj, kunvenĉambroj, ripozejoj kaj ankaŭ (en limigita kvanto) loĝebleco.

**LA URBO**

Almagro estas urbeto en la provinco Ciudad Real, en la regiono Kastilio-Manĉo en la centro de Hispanujo, kaj havas ĉ. 9000 loĝantojn.

La urbo posedas pitoreskan historian centron kaj multajn artajn metiejojn, kaj estas ofta vizitcelo de turistoj. Unu el la plej famaj allogaĵoj estas la teatrejo aŭ "kortoteatro" ("corral de comedias" aŭ "komedikorto", kiel ĝi estis nomata), la sola teatrejo en Hispanio restinta senŝanĝa de post la 17a jarcento. Aparta eco de la teatrejo: ĝi ne havas tegmenton. Dua allogaĵo de la urbo estas la nekutima centra placo, tute malsama ol aliaj placoj de la regiono: ĝi estis konstruita laŭ la nordeŭropa maniero de la germanaj bankistoj Fugger. Tria allogaĵo estas gastronomio.

Almagro estas referenco de la teatra kaj kultura medioj de la regiono pro sia Internacia Festivalo pri Teatro kaj Kulturaj kaj Turismaj Aktivaĵoj. Nuntempe Almagro kandidatas por akceptiĝo sur la Liston de Mondaj Heredaĵoj de Unesko.

**LA PROGRAMO**

La organiza komitato nun pretigas programon, kiun oni konkretigos en venontaj informoj.

En la programo ni donos atenton al la datreveno de la lingvo Esperanto, per diversaj celebradoj. Tio ankaŭ estos kialo por konigi nian lingvon al la loĝantaro de Almagro kaj la ĉirkaŭaĵoj.

Parto de la kulturaj programeroj fokusiĝos sur la celebrado de la 20-a de la firmiĝo de la Ibera Skolo de literaturo en Esperanto. Ni atendas la partoprenon de bona parto de tiu verkista grupo.

Ne mankos rilato al Donkiĥoto, kaj konigado de la regiono. Ni esperas doni specialan

rolon al la teatro, akorde kun la tradicio de la gastiganta urbo. Ankaŭne mankos muzikaj prezentadoj, prelegoj, atelieroj, ludoj, distraĵoj kaj vizitoj.

## TURISMA PROGRAMO KAJ POSTKONGRESO

Dum la kongreso, partoprenantoj havos la okazon koni la urbon Almagro, mirindaĵon de la malnova kastilia arkitekturo, kun ties Ĉefplaco, nobelaj domoj, palacoj, monaĥejoj kaj muzeoj, kaj speciale kun ĝia Teatrokorto.

Estas antaŭvidataj ekskursoj al la ĉirkaŭaĵoj, inter kiuj la impona Kastelo de Calatrava.

Oni programos turisman Postkongreson la 2-an de majo, por tiuj kiuj povos plilongigi sian ĉeeston en la regiono.

## GASTIGADO KAJ TRANSPORTO

La Kongreso disponos je diversaj ĉambroj en la Palaco de Valparaíso, kie eblos tranokti. La prezo de la individua gastigado en duobla ĉambro estos 60 eŭroj por kvar noktoj. ATENTU: Ĉar la nombro estas limigita, la rezervo estos farita laŭ strikta ordo de petado.

Ekzistas krome pluraj hoteloj, de diversaj kategorioj, en la urbo. En venontaj informiloj oni prezentos nomojn, adresojn kaj specialajn prezojn kiujn ni ankoraŭ intertraktas.

Tuj apud la urbo ekzistas komforta kampadejo, je tre favora prezo, kun spaco por tendoj kaj ankaŭ kun ĉambroj.

Por alveni, ekzistas trajnstacio en la urbo, kun rektaj trajnoj interalie el Madrido kaj Barcelono. Ankaŭ ekzistas busstacio, kun aŭtobusoj el Madrido kaj diversaj kastilimanĉaj urboj.

Estas planite fari komunan transporton de la stacidomo de la AVE (rapidtrajno) en Ciudad Real, je difinitaj horoj vendrede vespere, sabate matene (se necese) kaj returne marde vespere.

*La kongresa komitato*

Pli da informo pri tiu evento...

***Kiam 2012-04-27 16:00 ĝis 2012-05-01 23:55***
***Kie Almagro (Ciudad Real), Hispanio***

***Kontak-adreso: info@esperanto.es***
***Ret-paĝo: http://www.esperanto.es/hef/kongreso***

# HEF, GRUPOJ KAJ ASOCIOJ

## ANDALUZIO

Saluton al ĉiuj!

En Andaluzio ni jam celebris la Zamenhofan Tagon dum la pasinta monato, konkrete la pasintan 11-an de decembro en Velez-Malago. Donace, ricevu belegan juvelon, temas pri nia himno "La Espero" kantita de sopranulino, akompanita de ĉambr-orkestro, fine de la pasinta Andaluzia Kongreso de Esperanto en Sevilo, ĉe la Preĝejo Santa Rosalía.
http://www.youtube.com/watch?v=I7OxoofkUK0

**José María Rodríguez**

## ARAGONO

Okaze de la "zamenhofaj tagoj/festoj", la esperantistoj en Zaragozo, kiel kutime, organizis fratecan tagmanĝon (la 17an de decembro) kaj renkontiĝo (la 13an) en la asocia sidejo. Ĉi-jare, ni spertis la agrablan surprizon ricevi la viziton de la HEF-Prezidanto. En la vesper-programo, unue Antonio Marco Botella faris beletran prelegon en esperanto pri la fama poeto Rafael Alberti kun deklamado de du allogaj poemoj. Poste, intervenis Toño del Barrio kiu parolis pri HEF, pri la venonta kongreso en Almagro, pri projektoj por la jaro 2012... kaj per ties kutima entuziasmo kuraĝigis favore al esperantista agado kaj celebrado. Poste en amikeca etoso ni gustumis diversajn trinkaĵojn kaj manĝaĵojn. Tiel, estis kombino de celebrado de vortoj kaj frandaĵoj. Per Esperanto kaj marcipano, je via sano samideano! Kaj estis disdonataj je la fino ĉarmaj steloj faritaj de anĝelino...

**Lorenzo Noguero**



*Nia prezidanto, Toño, apud Antonio Marco kaj Jaime Benito*

## KANARIAJ INSULOJ

### Jorge Camacho en La Laguna

Kadre de privata vizito al Kanariaj Insuloj, Jorge Camacho prelegis lundon 14an de novembro en la sidejo de Esperantista Societo de Tenerifo. Temis pri trairo tra lia vivo kaj verko; oni povus resumi: kial, kiel kaj kie li verkas. Dum pli ol horo li regalis la



*Foto de Paco Orta, kasisto de ESTO*

ĉeestantojn per legado kaj komento de poemoj. Ne mankis aludoj al pasintaj restadoj en Kanariaj Insuloj, nek al lia kontakto kun Juan Régulo Pérez, fondinto de ESTO. La societanoj konsentis pri tio, ke estis escepta okazo ĝui la ĉeeston de elstara beletrulo kaj konatiĝi kun lia koncepto pri literaturo kaj specife de poezio.

## ESTO kaj Banca Civica

La kanaria ŝparkaso Cajacanarias kuniĝis antaŭnelonge en Banca Civica kun aliaj ŝparkasoj, kaj kune lanĉis la iniciaton "Tú eliges, tú decides" per kiu klientoj povas elekti la celon de la mono dediĉita al socia kaj kultura agado. Esperantista Societo de Tenerifo aligis projekton "Promoción del Idioma Internacional Esperanto" kaj serĉas apogojn por havigi al si monajn rimedojn por sia agado. Projekto konsultebla (kaj apogebla!)
ĉe http://bancacivica.cajacanarias.es

***ESTO***

## MADRIDO

### Solidara agado en Tanzanio

En la suba foto eblas vidi la sunpanelojn kaj la ceteran materialon utiligatan por elektrizi ruralan dispensarion en Tanzanio, danke al la helpo entreprenita de la madrida samideano Manolo Parra, en kontakto kun la loka esperantisto Mramba Simba.




## VASKA LANDO

Estimataj:

Mi informas ke, la sabaton 17-an de decembro, malgrau pluvo kaj malvarmo, kunvenis ĉirkau 15 homoj en la sidejo de la E-Grupo de Bilbao. La celo estis celebri la naskiĝdatrevenon de Zamenhof.

Post kuraĝigaj vortoj de nia veterana amiko Eduardo Larrouy, ni ĉiuj havis la eblon interparoli cirkau tablo plenplena de manĝaĵoj kaj trinkaĵoj alportitaj de la ĉeestantoj.

En aneksita foto videblas parto de la ĉeestantoj.

**Jesús.**



*Ĉeestantoj por celebri la naskiĝdatrevenon de Zamenhof en Bilbao*

# NOVA LERNOLIBRO PRI FIZIKO POR MEZLERJANOJ

Walter Bernard estas verkanta libron pri fiziko por mezlernejanoj en flua, bone legebla stilo. Jam estas pretaj du ĉapitroj.

Se vi interesiĝas pri facila fiziklibro, rigardu ĝin. Estas bonvena ankaŭ via opinio kaj eventuala kunlaboro.

La farita materialo estas elŝutebla ĉe la retpaĝo: esperantosudtirolo.files.wordpress.com




Kontaktoj: esperanto.informo@gmail.com

# SAT PERDIS SIAN PREZIDANTON

Jakvo Schram, la prezidanto de la plenum-komitato de Sennacieca Asocio Tutmonda, demisiis de sia posteno kaj poste komplete forlasis la asocion. Grava kialo por la eksiĝo estis, ke li estis elfermita el la diskutejoj de SAT. "Mi ne volas agadi en asocio kiu ne respektas la bazajn regulojn pri homaj rajtoj, tial mi oficiale demisiis de SAT", li rakontas en intervjuo de Libera Folio. Provizore la asocion nun estras la vicprezidanto Guy Cavalier.

**Fonto: Libera Folio** http://www.liberafolio.org/2011/sat-perdis-sian-prezidanton

# BIBLIOTEKO JUAN REGULO PÉREZ RESPONDAS ENKETOJN

Dum la pasintaj monatoj alvenis al la biblioteka retpoŝtujo du petoj respondi formularon por enketo.

La unua, el la Fakultato pri Dokumentaj Sciencoj (*Facultad de Documentación*) de la Madrida Kompluta Universitato (*Universidad Complutense de Madrid*), temis pri "Evoluo, uzo kaj konsumado de bitlibroj en Hispanio", titolo de la disertacio de Fco. José Valentín Ruiz, direktita de Prof. Juan Miguel Sánchez Vigil.

La dua peto venis el la Ministerio pri Kulturo de Hispanio, kiu deziras studi la koston de aplikado de la diversaj bibliotekaj mastrumsistemoj, jen komercaj, jen liberaj. Biblioteko Juan Régulo informis pri sia sperto kun OpenBiblio.

Alivoje kaj nerekte venis el la sama Ministerio plia enketo pri la adapto de tiuj hispanaj bitotekoj kiuj uzas la mastrumsistemon Dspace al la teknikaj postuloj de Europeana por alŝuti ties enhavojn al tiu granda bita biblioteko. Ĝis nun ni ne pensis pri tiu ebleco, sed ni esploros kaj laŭeble laboros por atingi tion.

**Ana Manero**

# ESPERANTO EN LA AMASO-KOMUNIKILOJ

Pro diversaj kialoj, inter aliaj la Zamenhofa Festo, en la amaso-komunikiloj aperis diversaj referencoj al Esperanto. Jen kelkaj el ili:

- elPeriódico.com: http://www.elperiodico.com/es/noticias/opinion/padre-hablo-toda-vida-esperanto-1269632

- Vilaweb: http://www.vilaweb.cat/www/diariescola/noticia?id=3961017

- Las Provincias: http://www.lasprovincias.es/20091205/culturas/esperanto-ligvo-oficiala-20091205.html

# ALIĜU AŬ REALIĜU AL VIAJ ASOCIOJ!

- HEF, vidu la dors-kovrilon de ĉi tu bulteno.
- UEA, nun estas la plej bona momento por pagi la kotizon de 2012 pere de mi. Pedro Garrote kaj vi, ankaŭ, jam povas pagi la aliĝilon al la U.K. .

  Mia konto en Banco Español de Crédito (Banesto) Valladolid

  Konto : 0030 6002 74 0000901271

  **(Ne forgesu la koncepton, almenaŭ vian nomon)**

  En la subaj paĝoj vi povos vidi la malsamajn kotizojn

  http://www.uea.org/alighoj/alighkotizoj2012.html

  http://www.uea.org/kongresoj/uk_alighilo.php

# IRo 2012

La 9-a IRo, Iberia Renkontiĝo, okazos la tri an fojon en Portugalio en 2012. la unuan semajnfinon de aprilo (okcidentkristana Pasko: 2012.04.05-08) en la apudlisbona ĉemarklifa fiŝhavena kastelurbeto Sezimbro (Sesimbra; iame Cezimbra). La programon, kiel kutime, prizorgas la komuna trikapa organizantaro de HEJS, KEJ, kaj PEJ, ĉilasta la lokajn aranĝojn. Krom (anoncotaj) kulturaj/distraj eroj, enviciĝas jam promenoj al la loka naturparka montaro Arrábida, al la urbeta kastelo kaj survojaj vidindaĵoj, kaj la apuda klifa terpinto Cabo Espichel. Ne mankos ja plaĝumado kaj eble vizito al apudaj subma raj kavernoj kaj izolaj strandoj. Malgraŭ tio ke IRon organizas junularaj sekcioj, ĝin ĉeestas esperantistoj ajnaĝaj, kaj praktikemaj komencintoj estas aparte bonvenaj.

# FORPASOJ

- Emilio Folgado López.
- Juan Narváez Fernández
- Miguel Nogués Ciurana
- Federico Cavero Jávega

# BRAZILA ESPERANTO MOVADO ORGANIZAS PROGRAMON "MIA AMIKO"

Karaj Samideanoj,

Antaŭ tagoj, la Programo Mia Amiko estis lanĉita por omaĝi nian grandan Zamenhof. La celo de nia programo estas unuigi portugallingvajn "Interesatojn pri Esperanto" (IE) kun "Amika Esperantisto" (AE).

La programo estas jam granda sukceso!

Preskaŭ 60 homoj jam enskribiĝis por esti IE-oj.

Ni jam havas registrite 18 AE-ojn.

Dekomence, la programo estis elpensita por esti nur brazila, tamen unu portugalino jam enregistriĝis kiel IE kaj alia esperantista litovino sendis sian registriĝon por AE. Tio jam ŝvebas transnaciiĝon de la programo. Ni ja havos duan fazon en la programo, kiam ni alvokos tutmondan esperantistaron por esti "internacia esperantista amiko" de niaj IE-oj kaj tiel helpi la daŭrigon de niaj bakitoj post atingo de ŝufiĉa lingva nivelo por krozi nian movadon. La portugallingva programo daŭros 10-semajnojn. La daŭrigado ankoraŭ ne estis elpensita, tamen certe reliefigos interkulturan esploradon.

Guglo tre kompetente arigas niajn interesatojn pri Esperanto. Tiuj alvenintoj estas veraj trezoroj por nia movado. Tiel ni fariĝas tre respondeca pri ilia progreso. Ĉu ili restos aŭ ne en niaj rondoj, dependos de niaj argumentoj kaj ŝvitaj konvinkiĝoj, kaj instruante la lingvon kaj montrante nia monda movado. Do, mi petEGas al tiuj, kiuj volas restigi tiujn ĵusalvenintojn, ke vi volontulu inter ni. En tiu fazo de la programo, ni dependas de portugallingvaj "esperantistaj amikoj". Nia programo estas por formi esperantistojn, ne simplajn esperanto-konantojn. Nur esperantistoj vere diskonigas nian lingvon.

Por tiuj, kiuj volas volontuli, bonvole plenigi la formularon por esti AE en tiu ĉi ligilo: http://bit.ly/formularo-ae

**Adonis Saliba**

# INTERNACIA VIRINA TAGO 2012

Mesaĝo por la Internacia Virina Tago 2012

Estimataj, kaj karaj gesinjoroj en la mondo,

Ni, la plenuma komitato de la Internacia Virina Tago de UN 2012 Hirosima konsistas el 23 organizoj kaj la municipo Hirosima, salutas vin solidarece, kaj elkore alvokas al vi.

En la 11-a de marto, 2012, por la Internacia Virina Tago de UN en la 8-a de marto, ni havos kunvenon por kunlaboro per saĝoj kaj fortoj, kaj antaŭenpuŝi konstruon de socio por komuna partopreno de geviroj.

Virinoj de la gubernio kaj de la urbo Hirosima organizas kunlaborojn por heredigo de paca socio al sekvanta generacio. Nur en paco ni povas koncentri fortojn por antaŭenpuŝo de komuna partopreno de geviroj.

Pasas unu jaro post la katastrofo de orienta regiono de Japanio, kaj ni havos la Tagon en malfacia stiuacio de rekonstruado el la eventon.

Staras granda problemo al ĉiu generacio nun kaj poste, katastrofoj en la mondo pro kruelaj atakoj kaj de naturo kaj de akcidentoj de atomcentralo. En la Tago 3.11 ni invitos al la kunveno prelegantojn el koncernaj fakoj, kaj konsiliĝos kunlabori al socio de komuna kaj egalrajta partopreno de geviroj.

Ni virinoj de atombombita Hiroŝimo komunikos per laŭta voĉo al la homoj en Japanio kaj en la mondo, por ke ni iru sur la vojo al ekspluato de energiaj fortoj Ne dependante de nuklea povo.

Ni kun kordeziro de la atombombitoj "Ne plu Hibakŝoj" alvokas ĉesigi uzon de atomcentraloj.

S-ino NOBUMASA Tieko

Prezidanto de la plenuma komitato por la Internacia Virina Tago
2012, Hirosima
La municipo Hirosima

Kun guberniaj kaj urbaj organizoj:
Arko de Hirosima/ Ligo de WE-palaco/ Kina karavano/
Novjapana Virina asocio/ Tutlanda ligo de vartistoj/
Hirosima Esperanto-Centro/ Ligo de medicinaj sindikatoj/
Emerita sindikatoj/ Instruista laborsindikato/
Ligo de solaj patrino k infano(urba)/
Laborsindikato de municipaj oficistoj/
Laborsindikato de urbaj oficistoj/ Ligo de patrinoj/
Ligo de lokaj virinaj asocioj de Hirosima/
Ligo de virinaj asocio WENET/ Ligo de komercistoj/ Virina demokrata klubo/ YWCA/
Asocio de virina edukado al komuna partopreno de geviroj en la socio/ Virina Asembleo/ Asocio Patye/
Plenuma komitato de projekto por futuro de infanoj.

Limdato kaj aliaj: ĝis la 5-a, feb. 2012. Maksimume sur unu leterpapero A-4 formata. Ankaŭ viroj rajtas skribi al ni.

Kun notoj petataj: Nomo, sekso, aĝo se eble, profesio, loĝloko(urbonomo), lando.

Kontaktoadreso: OSIOKA Taeko
osioka@mua.biglobe.ne.jp

Oogonzantyo 7-15, Minami-ku, Hirosima, 734-0041 Japanio

# OPINIO



Etsuo Miyoshi

## *KONI LA ĜUSTAN TEMPON FARI ION*

Plej necese estas koni la ĝustan tempon agi

Estante komercisto, pri reklamado mi ja scias, sed pri reklamado de Esperanto mi bezonis investi tempon kaj monon. Mia unua sperto estis en 2002 en Danio kaj sekvis Belgio, Francio, Germanio, Italio, ktp; entute 13 landoj. Ĉiam, ion novan mi lernis survoje: pli altiras konkretaĵoj, necesas laboro de grafikisto kaj reklamisto, taŭgas mallongaj tekstoj, ktp.

Mia celo estas veki la amaskomunikilojn, ĉar sen ili ni ne povas esperi pri la fina venko. Konsekvenco de tio estos la konkero de la popolo, kiu siaflanke influos la politikistojn.

Post 9-foja reklamado en Le Monde, en junio 2010 mi negocis la aperigon de novaĵo pri lingva malegaleco. Tamen ilia reprezentanto, S-ro Meixner, diris, ke intereso ne estis. Mi, do, planis prelegvojaĝon al 9 francaj urboj por varbi reagantojn al la Z-taga tutpaĝa anonco.

Post prelego en Parizo mi veturis al Vannes, kie mi subite malsanis. Mi telefonis al mia edzino: « Mi revenos, ĉar mi ne povas spiri ». Ŝi respondis: Esperanto-Movado estas pli grava ol via vivo, do daŭrigu. Sed mi ne povis teni min kaj kiam mi alvenis Osakon, ne povis moviĝi.

La publiko serioze kaj sincere aŭskultis. Post apero de la reklamo, mi ricevis centon da leterkopioj al Le Monde; verŝajne ĝi ricevis pluroble pli ol mi. Al la publika intereso, ilia respondo estis ignorado. Mi sentis, ke mi staras antaŭ giganta kaj fortika muro pro desupra premordo kaj ke ili estis monavidaj... sed 'dissaltos la obstinaj baroj per la sankta amo disbatitaj'.

Kio estas la rezultoj de la agado en ĉi tiu jardeko? Inter la negativaĵoj menciendas, ke en la komenco la reklamado ne sufiĉe profesiis: ne persvada enhavo, tro da tekstoj, ne konkretaj informoj, ne taŭga aspektigo. Plie, mi nur 1-foje reklamis en 1 lando... ja ripetado estas esenca.

Kiam aperis la anonco en Rzeczpospolita en 2004, okazis lunĉodebato en Varsovio kun la litovaj kaj polaj EU-parlamentanoj. Tiam Bronisław Geremek, EU-vicprezidanto kaj eksa ministro pri eksterlandaj aferoj en Pollando, rifuzis ĉeesti kaj private renkonti min, ĉar li konvinkiĝis, ke Esperanto ne povus venki. Tamen en majo 2008 mi sukcesis tuŝi lian koron per anonco en 'Le Monde'. Tiam EU rifuzis utiligi la polan en sia retejo kaj post kunveno kun Seán Ó Riain kaj Jozef Reinvart li kunorganizis la debaton 'Esperanto, ĉu amiko aŭ malamiko de multlingvismo?' por ĉiuj parlamentanoj la 14-an de julio. Tragike li mortis aŭtakcidente survoje al Bruselo. Li estis konvinkita, ke plejparto el la EU-parlamentanoj kontraŭas la anglan dominadon kaj ke estas granda manko de scioj kaj antaŭjuĝoj kontraŭ Esperanto. De liaj observoj ni profitu!



Membroj de la estraro de Eŭropa Esperanto-Unio (EEU)

La anoncoj vekis homojn kiel Isabel Castro, direktoro de Eurimages aŭ la urbestron de St-Aignan de Grand Lieu, kiuj montris intereson pri la lingvo kaj la Movado. Post aperigo en La Repubblica en 2003, 8 italaj parlamentanoj promesis al Itala E-Federacio proponi la utiligon de E-o en la Eŭropa Komisiono. Unu el ili, Emerenzio Barbieri, dum la nuna parlamenta mandato prezentis leĝproponon pri nia lingvo.

Ĉu ankoraŭ mencii, ke la hejmpaĝoj de la landaj asocioj en la anonclandoj estis pli vizitataj sekve de la reklamoj? Aŭ ke pliaj lernantoj aperis en la kursoj? La slovaka diplomato Josef Reinvart sendis kopiojn de la aperaĵo en SME en 2004 al ĉiuj slovakaj ambasadejoj tra la mondo kaj oficistoj de la ministerio pri eksterlandaj aferoj.

Ĉu reklami estas vana elspezo? Certe ne, sed investo en la estonteco, ĉar se EU agnoskos Esperanton, la mondo tuj sekvos.

Esperanto estas varo same kiel Coca-Cola, McDonald's, ktp. Se ni ripete montras la solvon al la nuna lingva malegaleco, ni havos la ŝancon sukcesi, ekzemple per samtaga reklamado dum unu jaro ĉiumonate en la 27 EU-landoj. Nun oni simple cedas antaŭ la ĝeneraliĝo de la angla. Nia misio estas veki la homaron de tiom vasta soporo, imitante Ludovikon. Mi pensas, ke tia sen precedenca agado povus utili kiel brulŝnuro. Ni ne perdos ĉion. Certe io sekvos. Ni bezonas investi por sukcesi. Ĉiu organizo kaj kompanio progresas aŭ regresas. Ne ekzistas horizontala flugo.

Ĉi kampanjo okazu kadre de pli vasta strategio, kio inkluzivu ekzemple, ke LA konigu la reklamojn al iliaj landaj kaj EU-parlamentanoj, varbado de kursanoj aŭ aliaj agadoj laŭ la landaj kondiĉoj. Ankaŭ tio altiros la amaskomunikilojn kaj Esperantujo vigliĝos.

Mia unua reklamo kostis pli ol EUR 70.000 kaj la prezo trioniĝis kondiĉe al 10-foja ripeto. La nuna UEA-havaĵo larĝe sufiĉas por tio. Kion la Esperantistaro opinias?

Mi dankas al Seán Ó Riain, Renato Corsetti, la estroj de Landaj Asocioj kaj tradukistoj pro la valora kaj sindona apogo dum nia febra kontaktado.

Majstro Hidemaru Deguĉi, kiu sugestis en 1923 adopti Esperanton al Majstro Onisaburo Deguĉi, diris: Homoj ĝenerale alkroĉitaj al la nuno, forgesas la pasintecon kaj ignoras la estontecon. Ni, do, kuraĝe agadu por ke 'la nepoj nin benu'.

**Etsuo Miyoshi**

# ESPERANTO EN TOGOLANDO

Dudeko da esperantistoj kaj amikoj de esperantistoj kunvenis ĉe mia hejmo la 16-an de decembro por precipe memorigi la 152-an naskiĝdatrevenon de Zamenhof kaj sekve deziri bonan revojaĝon al 4 gehispanoj post tri monata kunestado en Togolando.

La festo komenciĝis posttameze per du prelegoj. La unua estis gvidita de mi kaj ĝi rilatis esperanton kaj la vivon de Ludoviko Zamenhof, dum en la dua s-ro Kouevigan Koffi Jérôme, prezentis la plej freŝan asocion en la togolanda esperanto-medio nome, Agado por la Promocio de Esperanto en Togolando (APETo), kies prezidanto li estas. Inter la invititoj, la honora estis Nathali Martinez, profesorino pri la hispana en la universitato de Lomeo. Ŝi estas favora al plulingvismo kaj ĉe la fino de la aranĝo ŝi havis diskuton private kun mi pri esperanto kaj disponigis sian telefonnumeron.




*Zamenhofa Festo en Togolando*

Aliaj aferoj konsistis el interpretado de esperanto-kantoj fare de s-roj Tete-badu Nyinévi (konsilanto de A.P.E.To.) kaj Ekougninougan Kokou. Ludoj, enkonduka kurseto, disdonoj de kalendaretoj kaj varbiloj al ĉiuj partoprenantoj, grupa fotiĝo kaj kunmanĝo fermis la tagon en varma etoso.

Kiel oni povas kompreni, ni provis varbi novajn esperantistojn kaj instigi la malnovajn pluleri la lingvon. Kaj niaj klopodoj unuaflanke portas unuajn fruktojn.

Ana Belen Ayas (neleb_@hotmail.com), unu el la revojaĝontaj hispanaj studentoj montris ardan interesiĝon por la lingvo kaj ili ĉiuj ricevis kontaktojn pri la movado en Hispanio. Ana Belen krome faris promeson lerni la lingvon, reveninte hejmen.

Eble estas okazo alvoki hispanlingvanojn por ke ili sendu mallongajn retmesaghojn al Belen kaj ŝiaj kamaradoj. La ideo estos montri al ŝi la ekzistadon de Esperanto kaj niajn komunuajn laborojn mondskale. Homoj ŝajnas ne aŭdi pri esperanto kaj pensas ke ĝi mortis. Eĉ se ŝi ne lernos la lingvon tuje, estos plezuro por ŝi sperti, ke Esperanto funkcias kiel kontaktlingvo inter Afriko kaj la cetera mondo, ke homoj dise tra la mondo kaj aparte en Hispanio konstante laboras pri tiu idealo.



**Adjé Adjévi**

Adjévi ADJE
06 BP.61807, Lomé-TOGO
Telefono:+228 9257549

E-poshto: adjevia@yahoo.fr

# NOVA DEPONLEĜO

La Hispana Parlamento aprobis pasintan 21an de julio novan Deponleĝon (Ley de Depósito Legal), kiu anstataŭas tiun de 1971, por adapti la deponon de la bibliografia heredaĵo –kaj tiel ties konservadon kaj diskonigon– al la ŝanĝoj okazigitaj de la novaj teknologioj kaj ĉefe de la retaj publikigaĵoj. Tio permesos al la nunaj kaj estontaj civitanoj aliri verkojn en papero, en aliaj tuŝeblaj teniloj kaj enrete.

Tiel, deponleĝo koncernas ĉiujn bibliografiajn verkojn sonajn, vidajn, aŭdovidajn kaj bitajn produktitajn aŭ eldonitajn en Hispanio per kiu ajn metodo de produktado aŭ eldonado kaj diskonigitaj en Hispanio per kiu ajn formato, tuŝebla aŭ ne.

Ĝis nun la ĉefa responsulo pri la depono de bibliografiaj verkoj estis la presisto aŭ produktinto. La nova leĝo metas tiun respondecon ĉe la eldonisto.

Tiamaniere oni esperas raciigi la kompletigadon de la landa bibliografia kolekto. Ekzemple, tutmondiĝo kaj novaj teknologioj ebligis al eldonistoj serĉi presistojn en kiu ajn parto de la mondo. Tio signifas, ke, ĉar la respondeco pri depono falis ĝis nun ĉe la presisto, alvenis al la nacia kolekto verkojn ne rilataj al nia kulturo, dum verkoj eldonitaj ĉe ni sed presitaj en aliaj landoj perdiĝas por la kolekto.

Cetere, la nova leĝo malpliigas la nombron de ekzempleroj deponendaj. La Nacia Biblioteko de Hispanio ricevos nur du anstataŭ tri ekzemplerojn de ĉiu libro kun ISBN kaj ne plu ricevos represojn.

La unua precedenco de la Deponleĝo en Hispanio situiĝas en 1616, kiam la Reĝa Biblioteko de El Escorial (Real Biblioteca de El Escorial) ekhavis la privilegion ricevi ekzempleron de ĉiu libro presita en la lando. La termino "deponleĝo" aperas unuafoje dum la reĝado de Alfonso XII kaj iĝis jura institucio permesanta al la publikaj administracioj kolekti ĉiaspecajn publikigaĵojn.

La Deponleĝo pliigas la videblecon kaj publikecon de la eldonitaĵoj, ebligas pli bonan bibliografian kontrolon pere de Hispana Bibliografio eldonita de la Nacia Biblioteko, kaj garantias longa-tempe la disponeblecon de la materialo.

La bibliotekoj de la aŭtonomaj komunumoj kaj la Nacia Biblioteko de Hispanio (Biblioteca Nacional de España) respondecas pri la konservado kaj diskonigado de la bibliografia heredaĵo.

Kiel tio tuŝas nin, esperantistoj? Nu, en Esperantujo la grupoj kaj asocioj ofte eldonas librojn, bultenojn kaj revuojn. Ĝis nun, ilia tasko finiĝis tie ĉar estis sur la presistoj sur kiuj falis la respondeco deponi. Ekde nun, deponon devos plenumi ni, la grupoj kaj asocioj responsaj pri la eldonoj. Pri tio, kiamaniere fari, indus en ĉiu kazo demandi de la Publika Ŝtata Biblioteko de ĉiu provinco kie troviĝas la koncerna Oficejo pri Deponleĝo (Oficina de Depósito Legal), kiu havas la taskon akcepti la deponitaĵojn.

Trovu fine de la artikolo ligilojn al kelkaj retejoj, kiuj kompletigos ĉi artikolon, kiun mi ĉerpis el la retejo de la Nacia Biblioteko kaj poste tradukis kaj adaptis ĝin.

Por fini, mi informos vin pri tio, ke okaze de la leĝo-ŝanĝo, HEF rimarkis, ke la presistoj de Boletín neglektis dum pluraj jaroj la deponadon de ekzempleroj de nia bulteno. Per kontrolo en la retkatalogo de la Nacia Biblioteko ni sciiĝis pri la mankoj kaj per la diligenta helpo de Antonio Marco Botella ni sukcesis kompili preskaŭ ĉiujn mankantajn numerojn en la kolekto de la Nacia Biblioteko, kiujn HEF havigis al ĝi donace. La Biblioteko elkore dankis la kompletigon de la kolekto.

Ekde nun, la redaktoro de Boletín havas do plian taskon: okupiĝi pri la oportuna depono de nia bulteno. Iomete pli da laboro por li, kiu garantios plenumadon de la deponleĝo niaflanke kaj la certeco, ke nia bulteno iĝos parto de la kultura heredaĵo de la lando. *Ana Manero*

Ligiloj:

Nueva Ley de Depósito Legal: http://boe.es/boe/dias/2011/07/30/pdfs/BOE-A-2011-13114.pdf

Aprobada la nueva Ley de Depósito Legal: http://www.bne.es/es/NavegacionRecursiva/Cabecera/Prensa/noticias2011/AprobadaLeyDL.html

La importancia de la nueva ley: http://www.bne.es/es/NavegacionRecursiva/Cabecera/Prensa/noticias2011/doc/noticia_DL.pdf

Bibliografía Española en línea: http://www2.bne.es/BEL_publico/inicio.do

## RECENZO: *LA KAPITANO POSTNIKOV*

Kiam oni alvenas al libro unue aperas la ekstera aspekto. Dek tagoj de kapitano Postnikov (2a eldono, Moskvo, Impeto, 2010) prezentiĝas bonkvalite eldonita kaj bindita. Fotoj, bildoj kaj aliaj aldonaĵoj taŭge akompanas la tekston kaj ilustracias distre la dekomence ŝajnan pezan taskon pri 350 legotaj paĝoj. Poste oni vidos, ke ne temas pri peza tasko, sed pri agrabla interkonado kaj kunveturo kun niaj samideanoj de antaŭ unu jarcento.

Venas ankaŭ la demando pri kia libro estas tiu. Kia ĝenro? Oni supozas, ke romano. Ĉu historia romano? Estas aliaj teorioj, sed iam iu diris, ke historia romano estas tiu kiu realigas rakonton pri eventoj okazintaj antaŭ almenaŭ unu jarcento. Tiurilate vere tia esprimo taŭgus precize ĉar plej parto okazas fakte en 1910. Ekde tiu vidpunkto ĉi tiu libro estus nova briko en la konstruaĵo de la historio de Esperanto, pri kio kelkaj diras, ke estas nek kulturo nek historio.




Tiu verko estus historia romano ankaŭ pro la fakto, ke granda parto de la uzita materialo estas realaj okazintaĵoj, ofte prilaboritaj kiel literatura fikcia parto, sed ankaŭ kiel aldona ornama enkadriga materialo. Tiele rektaj eltondaĵoj de ĵurnaloj, tutaj artikoloj, ĉu de esperanta deveno ĉu de ĝenerala gazetaro donas impreson de realo al tio kio vere estas literaturo

sed certe bazita sur realo. Ĉu konstanta spegulludo?

La lingva nivelo estas senriproĉa. Mi vidis nek malglataĵojn nek multajn tajperarojn, kiuj tiom abundas foje en Esperantujo. Eble nur kelkajn en la dua duono de la verko, ĉu ne tiom kontrolita? Ĉiukaze vera rekordo.

## La enhavo

Pri kio temas? Kiel oftas en moderna literaturo (foje eĉ en nemoderna) diversaj fadenoj interplektiĝas en la verko. La titolo aludas al la dek tagoj kiujn daŭras la ŝipveturo al vaŝingtona universala kongreso dum kiuj interparolas Postnikov, Zamenhof kaj aliaj esperantistoj kaj neesperantistoj. Oni povas imagi kia lukso estas ĉeesti al privata interparolado de nia kara Zaĉjo pri gravaj temoj rilataj al la tiama estonto (nuna pasinto) de Esperanto, sed ankaŭ pri ĉiutagaj banalaĵoj.

Dua fadeno estas la agado de kapitano Postnikov kiel ĉefa aktivulo de la peterburga movado en konstanta konflikto kun la moskva esperantistaro. Kaj trian konsistigas la pli personaj aferoj de Postnikov, nome unuflanke familio kaj aliflanke amhistorio pro enamiĝinta esperantistino kio komplikiĝas al polica kaj eĉ spiona danĝero.

Tia enhavo havigas al la leganto sennombrajn tialojn por meditado kaj cerbumado pri tiuj personaj aferoj kiuj rilatas al veraj personoj kiuj iam ekzistis. Sed ankaŭ pri ĝeneralaj aferoj kiuj tuŝas la tutan esperantistaron. Tiele ni prenu la figuron de la protagonisto kapitano Postnikov. Jam estis dirita, ke li estas "ĉefa aktivulo de la peterburga movado" de antaŭ unu jarcento. Tiele li estas ege entuziasma, idealisma, revas pri glora estonto por la peterburga klubo, por la tutruslanda esperantistaro kaj komprenseble por la tutmonda. Sed krome kiel indas inter esperantistoj li havas siajn proprajn proponojn: pri rilato al militistaj aferoj, pri organizado de kongresoj en la cara Ruslando, pri kreado de organizo, nome ia Ligo kiu agados inter la internacia politikistaro ktp.

Tiele tiu nia Postnikov iĝas ia modelo de la kutima esperantisto, super la normala esperantano. Tio estas, arda baraktulo pri sia propra programo el kio dependas la estonto de Esperanto. Ni konas multajn esperantistojn kiuj klopodas fondi aŭ fakte fondas sian propran iniciaton nome: taŭga estrategio, organizo, gazeto, amasa kampanjo, pli ĝusta lernolibro aŭ instrumetodo, nova renkontiĝo ktp. Laŭ tio la persona Postnikov disiĝas por la leganto en diversaj aliaj konatuloj aŭ ideoj por pripensado multajn similajn cirkonstancojn kiuj ĉirkaŭas ĉiujn onin.

En tia strebado por la plenumado de ties planoj, kapitano Postnikov ne dubas elekti sian propran sintenon energian, tio estas diktatoreca. Ne hazarde Postnikov estas oficiro, kaj eĉ militheroo. Tia agadmaniero li nature transportas al esperantaj aferoj kaj tio ne estas ĉiam agrable akceptata de liaj kolegoj, ĉefe ĵaluzaj moskvanoj. Ĉu ankaŭ tiun figuron oni ne konas en la esperantaj medioj? Eble estas kelkaj. Se oni ne menciu niajn hispanujajn aferojn kie esperantistoj de kelkaj lokoj ne tiom afable rilatas el tiuj de aliaj lokoj, oni memoru ekzemple

pri kelkaj apartemaj separatistoj, splitemaj naciaj organizoj diverslande, malamikaj Esperanto-organizoj ktp. Mi ekzemple nun memoras en tute alia ĝenro kanton de bardo Georgo Handlizk pri dek klubanoj kiuj malaperas unu post alia ĝis kiam restas nur la kluba prezidanto mem.

Multaj aliaj temoj svarmas en la densaj paĝoj de la romano, el denaskuloj al fuŝaj esperantistoj (eble "normala" publiko) ĉarlatanaj, perfiduloj, poreterne komencantoj ktp. Vere la aŭtoro konas ne nur la historian aferon, sed ankaŭ la esperantistaron mem kun ties defektoj, troigoj, eĉ humanisman sintenon ktp., kaj profitas el tiu kono por havigi la leganton konstante pripensindajn temojn pri kiuj kutime ĝi jam aŭdis aŭ parolis, sed pri kiuj ni neniam finos babiladi. Tiu romano estas vere helpo, akompanilo, libro kiu meritas lokon sur noktotablo. Kaj el tie sekvos la legado kaj la meditado.

## La teatraĵo

Feliĉe kaj tuje tiu romana verko pliviviĝis en Esperantio, ĉar jam inter la unua (ŝajne fuŝa) kaj dua eldonoj jam aperis planoj por teatriĝo. Tamen la teatra merkato esperanta lamas. Estas nur unu granda evento ĉiujare, nome UK, kie povas kunveni centoj da spektantoj por rigardi teatraĵon, krom kelkaj mezgrandaj kaj multaj malgrandaj. La unua povas senprobleme dungi teatran trupon (kaj tiele okazis en Bialistoko kaj Kopenhago), eble almenaŭ parte iu el la mezgrandaj, sed entute ne sufiĉas por grandaj muntaĵoj kun multaj partoprenantoj.

Tiele la adapto al teatro de tiu romano ĝis nun baziĝis nur sur tri roluloj nome Postnikov kaj Zamenhof kompreneble, kaj por aldoni homan kaj personan karakteron al la historio ankaŭ la amantino Lidia Andrejevna kiu permesas en la verko la aperon de pli humanaj, neelteneblaj sentoj (ne nepre esperantan sed universalan) kiuj finfine alfluos al lago de neatenditaj okazaĵoj.

Tago dua

Nur tri geaktoroj sursceneje povus esti tro simplige se ne estus pro ege bone prilaborita teknika aŭdvida prezentaĵo simila (en sia kampo) al tiu ilustracia de la romano. Tiele per ekranoj kaj forvoĉoj aperas iome de la artikoloj kaj eltondaĵoj kiuj kuntekstualigas la historion kaj al spektanto havigas iom da distro, nome koloroj, sonoj, movo, tiom necesa teatre.

La tri serbaj geaktoroj bonkvalite ludas, el kiuj Saŝa Pilipoviĉ jam estis konata pro ludado en multaj kongresoj. Eble lia ludado de la kapitano neeviteble simpatiigas la rolon al la spektanto, eĉ se tiu rolulo devus esti eble ne tiom perfekta se oni volas senpartiecon kaj justan pritakson de neperfekta persono. La banjaluka Miŝo ludas la doktoron Esperanto pli kovene al la mezurema bildo kiu estas samheredo de la esperantistaro. Ĉu tiu estus oportuno por montri specialan konturon de la heroo de la esperanta komunumo? Tamen tio estus for de la romano kaj de tiu ĉi historio. La virina rolo, tiom simpatia kaj alloga, kompatinda en sia ama

malfeliĉo, plenigas la scenejon, sed restas ankaŭ kiel aldono anstataŭ vera komponaĵo de la historio. Ĉiuj tri geaktoroj fidelas al la romana verko. Tiusence ili kaj respektas la komencan esencon de la rakonto, sed ankaŭ malprofitas pro tio forflugi al pli altaj sferoj de la persona rilataro.

## Mankoj

Nun venas la vico de iom negativaj rimarkoj. Vere la rolo de kritikisto estas helpi la legonton per havigo de ĉiaj rimarkoj kiuj plibonigu la rezulton de la legado. Kaj pozitivaj kaj negativaj. Tamen antaŭ komenci tiun ĉapitron mi konfesu, ke al miaj okuloj la bilanco estas tute pozitiva. Ĉiukaze personaj avertoj povu havigu lumon por la kompreno de tiu verko aŭ de iuj aliaj.

Laŭ gravordo oni prenu dekomence la figuron de kapitano Postnikov. El la unuaj paĝoj de la romano oni konas lin. La kapitano estas neanstataŭebla ĉefa aktivulo de la peterburga esperantistaro. Nenio povas okazi sen lia interveno. Li estas energia, impona, etiketema, konscia de sia povo kaj entuziasma por la disvastigo de Esperanto. Unu tagon post alia (nome ĉapitroj) oni vidas lin kongrue kun tiu skizo. Sed nenio aldonas. Apenaŭ percepteblas la personaj nuancoj de la homo. La familia (para) vivo kun Muza aperas vualece. La malakcepto de la amproponoj de Lidia Andrejevna eĉ plie. Eĉ se li ĉefe celas la stabilecon kun Muza. la leganto rajtus ĉeesti ian dubon, ian almenaŭ fieron pro la ricevita propono, eĉ por aliri al malakcepto. Eĉ la sekvoj, la konsideroj pri la propono kaj respektive malakcepto estu almenaŭ aperigita. Sed nebulo kaŝas ĉion ĝis la reago fare de Lidia Andrejevna perfidi sian amaton kiel venĝo.

Tiele la komenca prezento de Postnikov ne ŝanĝas dum la romano. Tamen bonkvalitaj, kanonaj romanoj prezentas rolulon kiu evoluas laŭ la okazintaĵoj. Tio ne okazas ĉe Postnikov. Pro tio la romano de sro. Bronŝtejn estos bonkvalita romano ene de Esperantujo, sed eble ne ekstere. Kaj tio starigas novan demandon.

Kio estus tiu romano ekster esperantistoj, inter ĝenerala publiko? Kompreneble la tuta fono kaj kunteksto de la romano estas vivo de oni diru unuaj esperantistoj en Rusujo. Sed tiu temaro povus esti interesa por neesperanta legantaro. Normala leganto povas interesiĝi pri verko kiu prezentus rolulon spertan je papilikolektado, katolika liturgio aŭ terorismaj atencoj, ĉu ne? Kial ne esperanto? Sed por tio necesas, ke la intrigo estu alloga kaj la protagonisto atentinda por meza leganto neesperantista, kaj tio iomete mankas en tiuj "Dek tagoj..."

Tiusence eĉ la rolulo de la spiono Skipidarnikov, kvankam skizita, estas pli reala, pli homa ol la impona figuro de Postnikov. La spiono finfine elaĉetas sin per amo kaj eĉ produktas denaskajn esperantistojn! Sed tio venas abrupte eĉ al la du lastaj linioj de la pure romana materialo.

Ne nur Esperanto estas fono de la romano, ankaŭ tiama cara Ruslando. Kaj tiudirekte estas alia manko. Oni ĉeestas en la ĉiutagaj babiladoj; oni vidas kion manĝas kaj trinkas (eĉ fumas) la tiamaj rusoj, pere de eltondaj gazeteroj eĉ detalajn banalaĵojn pri la tiama vivo kaj

okazintaĵoj. Sed mankas aludoj al la socipolitika realo kiu enfluos post nur jarseso en la eksplodo de 1917. La cara familio aperas nur kiel ricevanto de esperanta donaceto, la polico apenaŭ nur kiel suspektanto pri esperantistoj. Ĉu ili ne havis aliajn krimulojn? Kiel la propra Postnikov agnoskas. Vere tiu marko tialigus la reagon de la suspektinta polica kaj militista sistemoj kontraŭ la figuro de Postnikov.

La leganto de tiu romano estas dudekunuajarcenta. Ĝi nepre konas la estonton de la rakontaĵo. Tio estas, kio okazos poste en Rusio. Oni ne devas verki tiun historion sen atenti pri tio, kvazaŭ la romano estu legota de publiko inter 1911 kaj 1916. Tio ne eblas. Tamen tiuj eventoj (aŭ almenaŭ viditaj de malproksime) forestas el la romano ĝis la fino (ĉu intence?) precize kiam kapitano Postnikov malaperas el la scenejo kaj kuniĝas kun la morto de Zamenhof en subita, abrupta Posttago, iom disa el la resto de la romano, kiel indas ĉe vera epilogo.

Mi esperas, ke la evidenta "forgeso" de la venonta soveta futuro (kiu certe havis sian antaŭaĵojn) ne rilatas al troa respekto aŭ radikiĝo de la aŭtoro en la nuna rusa socio, tiom malproksima ŝajne de tia epoko. Ĉiukaze al la nuna leganto, kiu certe konas la estonton, estus pli facile kompreni la figuron de la kapitano naviganta inter tiuj du malaj akvoj: fakte li estos enkarcerigita de la cara reĝimo kaj ekzekutita de la soveta. Tio povus esti alloga socia marko ege interesa por la historio.

Ankaŭ abrupte venas la finfina fino kie Postnikov estas ekzekutita fare de bolŝevikoj junie de 1925. Tio havigas gloron al heroo sed samtempe iom da necerteco (dubindeco) al la leganto. Ĉu tiu parto de la vivo de la kapitano ne estus inda materialo por dua romano? Eĉ kompreninte la malfacilon kolekti taŭgan sciaron, vere por dua romano la fonon de la esperantista problemaro povus esti nuancita, ĉar tiam la problemaro estus alia, kaj krome la soveta fono, pri kiu ege abundas verkaro, estus interesa eble por nerusaj esperantistoj kaj eĉ por la ekstera publiko.

Jam oni parolis pri la ebloj kiujn tiu estiminda verko havigas por la legonto direkte al meditado pri la tiama problemaro ĝenerale kaj pri la nuntempa problemaro de esperantistoj. Tiu dua eblo (soveta) devas resti ĝis nun ankaŭ kiel kampo por la persona forflugo de la leganto, respektive meditanto. Sed ankaŭ tiu estus valoro de la verko, ĉu ne?

**Bilanco aŭ epilogo?**

Mi jam diris, ke pozitiva, ĉu ne? Eĉ se mi neniom konus pri teatra adapto, mi kredas, ke mi ĉiukaze opinius, ke temas pri leginda verko, interesa historio, ĉefe por esperantistoj, sed eble ne nur, kaj alloga rakonto. Koninte la teatrigon kaj konscie, ke la esperanta komunumo ne sufiĉas ankoraŭ por pli ambicia teatrado, mi sopiras nur, ke tiu historio falu enmane de lerta scenaristo, kiu permesus bonan kinadapton. Vere estas alloga filmo kaŝe inter tiuj niaj prapatroj de antaŭ unu jarcento. Al mi tio sonas kvazaŭ espero de plia kaj plua evoluo de tiu historio. Kaj mi ne pensas pri esperanta eksperimento, sed pri historio kiu estu konata de la tuta mondo.

***Kani***

# MUZIKO

Jen la sesa albumo de Kajto en esperanto, unue prezentita en la UK en Kopenhago en julio 2011.

Nun, Kajto ekzistas tra la duopo Nanne Kalma kaj Ankie van der Meer, kiuj kune faris ĉi tiun albumon, denove montrante kvalitan laboron, kiel ili ĉiam faris.

Tiu ĉi albumo proponas 14 novajn titolojn en esperanto kun variaj ritmoj kaj etosoj laŭ la pop-folk-stilo kiu estas ilia. De la poezia `Surbordigitaj' al la ribela `Ne permesas Panjo', aŭ de la amkanto `Mi estas Rozo' ĝis la abundeca `Rave kun vi', jen riĉaj melodioj kaj belaj tekstoj, modestaj kaj gajaj, melankoliaj kaj humuraj.




**Duope** Kajto - *Nederlando*

Por akompani siajn kantojn, Nanne kaj Ankie uzas diversajn muzikilojn kiaj gitaro, mandolino, koncertino, kontrabaso, akordiono, banĝo, kaj zimbalono.

---




Jen hiphopa kompilo 100%e en esperanto, kaj simile al uzantoj de la internacia lingvo, la artistoj estas disaj tra la tuta planedo.

Partoprenis produktistoj, repistoj, kantistoj, kaj muzikistoj el ne malpli ol 10 landoj el la tuta mondo : Germanio (Jonny M.), Brazilio (Tone), Kanado (Diablo), Danio (Bugge Bang), Finnlando (Dolchamar), Francio (La Pafklik), Japanio (Eterne Rima), Slovakio (Marteno), Svedio (Carina), kaj Svisio (Tinitus) !

Male al Volumo 1 de la kompilo*, lanĉita en 2009, kiu estis eksperimentajxo, la dua volumo estis profesie produktita kaj prezentas konfirmitajn artistojn kiajn Eterne Rima kaj Platano de La Pafklik, kiuj ambaŭ eldonis antaŭ nelonge proprajn albumojn, sen forgesi Dolchamar, kiu venas de la poproka universe, estis tamen la unua bando kiu repis en Esperanto.

Muzikaĵoj de la kompilo estas tre diversaj, irante de klasika novjorka hiphopo (Platano, 'Lasta kanto'), viglaj kantoj (Jonny M., 'Diru mi nun'), pop-rok (Dolchamar, 'Tritaga afero'), ĝis ornamaĉa dirty-south (Eterne Rima, 'Fidela').

Same kiel en ĉiuj rep-kompiloj, tiu ĉi ebligas eksperimentadojn kaj neelpenseblajn kunlaboradojn inter la artistoj en vera internacia etoso.

* Volumo I, daŭre libere elŝultebla ĉe la retejo http://hiphopesperanto.blogspot.com/

**Vinilkosmo**

# POEMOJ

## Jorge Camacho

## Kanarioj[1]

**Lanzaroto**

Silente sidas
vilaĝoj ŝire blankaj
sur dormaj fajromontoj.

**La-Palmo**

sundisko mole sinkas
en cindran oceanon
obtuze horizontan

**Tenerifo**

La mondon Tejdo kronas
preter la nuboj
majesta kiel cico!

**Hiero**

Hodiaŭ
ĉirkaŭas nin vitro.

Hieraŭ –
krateroj, lacertoj,
erikoj,
pinoj, sabinoj.

*12-29.11.2011*

[1] Jen miaj esperantigoj de la hispanlingvaj nomoj de la insuloj Lanzarote, Tenerife, La Palma kaj El Hierro kaj de la vulkano Teide; ĉe La-Palmo mi konservas la artikolon kun ligstreketo por distingi la nomon disde eventualaj Palmo (de Majorko: Palma de Mallorca) aŭ Palmaso/(La-)Palmoj (Las Palmas de Gran Canaria), pri kies formoj en Esperanto mi ankoraŭ ne faras definitivan proponon.

---

## Luis Serrano Pérez

### LA FRAŬLINO KAJ LA SPEGULO

Parolu, diru al mi ion, kara spegulo,
tiel parolis belega kaj ĉarma fraŭlino,
kion mi povas diri, respondis la spegulo,
vi nur deziras la veron, petis la fraŭlino,

el la mondo, la plej bela, diris la spegulo,
ja vi trompas min, tre insistis la fraŭlino,
rigardu, mi estas vi, respondis la spegulo,
la hararo ne allogas, diris la fraŭlino,

ne troigu, fraŭlino, respondis la spegulo,
haroj dikaj, malbelaj, aldonis la fraŭlino,
estas rimedo por tio, diris la spegulo,
ĝia bruneco plaĉas, komentis la fraŭlino,
fraŭlino ĉu ne estas taŭga via spegulo,
jes, mi vin bezonas, opiniis la fraŭlino,
pri miaj okuloj, kion vi diras spegulo,
viaj okuloj, kaptilo por viroj, fraŭlino,
ne tre ornamu ilin, konsilis la spegulo,
mi pensas same, fiere diris la fraŭlino,
mia nazo, ĉu Kleopatra, kara spegulo,
kurioza demando por mi, kara fraŭlino,
ĉiam estu prudenta, mia kara spegulo,
kio pri miaj lipoj, demandas la fraŭlino,
jen allogo por viroj, certigis la spegulo,
spegulo, dorlotas min, pensis la fraŭlino,
vere, mi ne troigas respondis la spegulo,
ĉu mi estas perfekta, demandis la fraŭlino,
neniu estas perfekta, diris la spegulo,
kaj pri mia kapo, kio, petis la fraŭlino,
el virinoj, la plej bela diris la spegulo,
kapo bela, virino bela, mi, la fraŭlino,
interna beleco gravas, diris la spegulo,
kapo interne belas, replikis la fraŭlino,
tre plaĉas konversaciadi, kun la spegulo,
pro via beleco kaj scivolemo, fraŭlino,
ŝi pensis, daŭre mi konsultos al la spegulo,
kaj sekve ŝi kuraĝis demandi la fraŭlino,
pri la resto de mia korpo, kio, spegulo,
nu, mi estas viadispone, ĉarma fraŭlino,
pri brusto (mamoj) alia konsulto, spegulo,
ho!, vi embarasigas min denove, fraŭlino,
ne volas doni vian opinion, spegulo,
jes kial ne, sed estas multaj gustoj fraŭlino,
kaj do, kion mi devas fari, ŝaĝa spegulo,
ne tiom cerbumu, ŝatata, bela fraŭlino,
estas normoj kaj mezuroj, diris la spegulo,
estetiko por kontrolo, pensis la fraŭlino,
ĉiam vi estos rigardinda, diris spegulo,
subite surmetis bankostumon, la fraŭlino,
jes, kaj nun, kion vi pensas, karega spegulo
tute vi blindigas miajn okulojn, fraŭlino,
korpe estas perfekta aldonis la spegulo,
eble, mi estas tre dika, pensis la fraŭlino,
vi, stultaĵojn ne diru, konsilis la spegulo,
ventro estas diketa, aldonis la fraŭlino,
eble jes, eta dieto, diris la spegulo,
kaj, kio pri la kruroj, demandis la fraŭlino.
mi ilin vidas rektajn, sugestis la spegulo,
femuroj dikaj, malbelaj, diris la fraŭlino,
sed, dependas de gustoj, parolis la spegulo,
kaj pri miaj manoj, kio, diris la fraŭlino,
aldonu la piedojn, konsilis la spegulo,
ne forgesu la dorson, aldonis la fraŭlino,
ho! tute svelta korpo, sentencis la spegulo,
eble mi turniĝos plie, diris la fraŭlino,
ne necese, mia kara, diris la spegulo.
mi revenos konsulti, demandis la fraŭlino,
ĉiam viadispone, respondis la spegulo,
feliĉa kun la konsiloj, diris la fraŭlino,
ĉiam via amiko, anoncis la spegulo,
kion mi faros sen vi, pensadis la fraŭlino,
ne forgesu, mi estas vi, diris la spegulo,
vi, vivo mia, tiel parolis la fraŭlino,
por vi, kun vi, ĉiam estas via: la spegulo,
mi kapturniĝa, danke al vi diris la fraŭlino.










# 71-A HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

*ALMAGRO, 27-a de aprilo ĝis 1-a de majo 2012*

## ALIĜILO

Plenumu tiun ĉi aliĝilon, kaj sendu ĝin al la sidejo de HEF. Oni ankaŭ povas uzi la retadreson kongreso@esperanto.es, aŭ la formularon troveblan en la retejo http://www.esperanto.es/kongreso/

PERSONA NOMO ..................................FAMILIA(J) NOMO(J)...........................................
ADRESO ...........................................................................................................
URBO.......................................(..................................) REGNO...............................
RETADRESO.................................... TELEFONNUMERO(J) ............................................
MEMBRO DE HEF Jes Ne NASKIĜDATO ........................ (nedevige, nur por statistiko aŭ rabato)
ALIAJ RABATOJ...........................
DEZIRAS REZERVI GASTIGADON EN KONGRESEJO Jes Ne (Se jes, aldonu 20 € al pago kiel rezervo)
DATO DE PAGO............................ MANIERO DE PAGO..............................................
KOTIZO.......................................................................
ALIAJ..........................................................................
DONACO.....................................................................
SUMO.........................................................................
KOMENTOJ:

## KOTIZOJ

| | Aliĝo ĝis la 31-a de januaro (1) | Inter la 1-a de februaro kaj la 15-a de aprilo (1) | Post la 16-a de aprilo kaj surloka aliĝo |
|---|---|---|---|
| Membro de HEF aŭ EMAS | 35€ | 45€ | 55€ |
| Ne membro de HEF | 45€ | 55€ | 65€ |
| Juna membro de HEF (malpli ol 30) (2) | 25€ | 35€ | 45€ |
| Junulo nemembranta en HEF (malpli ol 30) | 30€ | 40€ | 50€ |
| Gastigado en la kongreso, po persono en ĉambro duobla, kvar noktoj: 60 € | | | |

Pagu la kotizon en jena bankokonto indikante la tekston "Kongreso" kaj vian nomon en la bankokonto de la "Asociación Castellano-Manchega de Esperanto- EMAS": UNICAJA: 2103 0471 91 0030005725 (se vi estas en Hispanio)
Por pagi eksterlande bv. uzi jenan kodon: IBAN: ES4821030471910030005725 // SWIFT: UCJAES2M

(1) La efektiva dato estos tiu de ricevo de pago.

(2) Sama rabato estas aplikebla al lernantoj de Esperanto ĉeestantaj kursojn organizitajn de grupoj aligitaj al HEF, komenciĝintajn inter septembro 2011 kaj aprilo 2012

**Federación Española de Esperanto**

Rodríguez San Pedro 13-3º-7 · ES-28015 Madrid · Tel.-914 468 079
www.esperanto.es · correo electrónico: admin@ esperanto.es
CIF: G47 02 63 56

Inscripción o renovación para el año:
**2012**

**Datos personales**

Por favor, escriba en mayúsculas.

| Nombre: | | Sólo para renovaciones |
|---|---|---|
| Apellidos: | | Nº socio: |
| Dirección: | | |
| Código postal: | Localidad: | DNI: |
| Teléfono particular: | Teléfono del trabajo: | |
| Correo electrónico: | | Año de nacimiento: |

**Categoría de socio**

Todos los socios reciben la publicación Boletín (4 números al año).

Marque con una **X** la categoría elegida:

| Categorías | | Modalidad | Euro | X |
|---|---|---|---|---|
| OM | Socio ordinario | | 32,00 | |
| KM | Socio colectivo | | 64,00 | |
| PM | Socio protector | | 64,00 | |

**Forma de pago**

Domiciliación bancaria (cumplimente y envíenos el impreso adjunto).

Otras formas de pago ( - sólo en casos excepcionales -)

Ingreso en la cuenta 0182-1252-31-0204.011.961 del banco BBVA (adjunte comprobante).
Ingreso en la cuenta hefb-m de Universala Esperanto-Asocio (adjunte comprobante).
Pago en efectivo en la oficina de la asociación.

Fecha : Firma :



**DOMICILIACIÓN BANCARIA**

| Titular de la cuenta: | |
|---|---|
| Banco o caja: | |
| Dirección de la oficina bancaria: | |
| Código postal: | Localidad: |

**C.C.C.:** entidad · sucursal · D.C. · cuenta

Muy señores míos:
Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que le sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha: Firma del titular: